WIKIPEDIA

# Mezepoka greka lingvo

**Mezepoka greka lingvo** (greke Μεσαιωνική Ελληνική), ankaŭ konata kiel **Bizanca greka lingvo**, estas la tria historia kaj lingva periodo de la greka lingvo, ekde la komenco de la Mezepoko ĉirkaŭ 600 ĝis la Otomana konkero de la urbo Konstantinopolo en 1453. Ĉi-lasta dato markis la finon de la Mezepoko en Sudorienta Eŭropo. De la 7-a jarcento pluen, la greka estis la nura lingvo de la administracio kaj registaro en la Orientromia imperio. Tiu iama stadio de la lingvo estas konata kiel bizanca greka. La studo de la mezepokaj greka lingvo kaj literaturo estas branĉoj de Bizancaj Studoj, aŭ Bizancologio, la studo de la historio kaj kulturo de la Orientromia imperio.

La komenco de la mezepoka greka estas foje datita jam en la 4-a jarcento, aŭ en 330 p.K., kiam la politika centro de la monarkio estis movita al Konstantinopolo, aŭ en 395 p.K., la dividado de la Imperio. Tamen, tiu aliro estas sufiĉe arbitra ĉar ĝi estas pli politika ol kultura kaj lingva evoluo.